FONDITA en 1908, TRIA SERIO
33 a JARO - N° 233 Jul.-Sept. 1965

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO
# FRANCA ESPERANTISTO

U.F.E., 34, rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : PRO. 55.03

## 57-a NACIA KONGRESO en LE HAVRE...




(foto Lefebvre).

POST LA AKCEPTO EN LA URBDOMO

# FRANCA ESPERANTISTO

## REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)**

**34, Rue de Chabrol, Paris X<sup></sup>e - C.C.P. 855-35 Paris**


**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. Jean THIERRY,** U.F.E., 34, rue de Chabrol, PARIS Xe. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

**I. — Cotisation nationale à l'UNION FRANÇAISE pour L'ESPERANTO (U.F.E.)**

Par ses statuts, l'U.F.E. est une union de sociétés déclarées et ne doit recevoir en principe de cotisations que de celles-ci. Toutefois, lorsqu'un Centre Culturel ou une Fédération n'existe pas encore dans une région, l'U.F.E. accepte de recevoir les cotisations annuelles de membres isolés sur les bases suivantes :

| | | |
|---|---|---|
| **MEMBRE BIENFAITEUR** .... | **50 F.** | Ces membres reçoivent la revue « FRANCA ESPERANTISTO » et le « Bulletin d'Information » |
| « **DONATEUR** ...... | **30 F.** | |
| « **TITULAIRE** ...... | **20 F.** | |
| « **JUNIOR** (**) (18 à 21 ans) .... | **8 F.** | |
| **MEMBRE ADHÉRENT** ...... | **5 F.** | Ces membres ne reçoivent que les bulletins d'informations en français |
| « **ÉTUDIANT et JEUNE** ........ | **2 F.** | |

Tous les membres reçoivent la carte de l'Association Espérantiste Universelle indiquant leur appartenance à l'U.F.E. et à telle Fédération ou Société, ainsi qu'une vignette annuelle à coller.

**Abonnement seul à la revue « FRANCA ESPERANTISTO » : France : 20 F.**
**Etranger : 25 F.**

**II. — Supplément pour UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (U.E.A.)**

| | | | |
|---|---|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (MJ) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. ... | **14 F.** | **MEMBRO ABONANTO** (MA) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. et « Esperanto » .... | **28 F.** |
| Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans .............. | **7 F.** | Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans .............. | **21 F.** |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** .......... | **21 F.** | **MEMBRO SUBTENANTO** .. | **42 F.** |

(**) Les jeunes sont priés d'indiquer leur date de naissance.
(*) Les cotisations des jeunes jusqu'à 21 ans sont réduites de moitié.

# Donacoj

**MEMBRES DONATEURS**

F-ino Chaillou, S-roj Dalier, Sahatdjian.

**DONS DIVERS**

D-ro Maillard, 5 ; S-ro M. Perrier, 5 ; S-ro Machellek, 10 (pour la bibliothèque) ; S-ro Schwartz, 4 ; S-ro Ligot, 3 ; S-ro Jaegy, 1,50 ; F-ino Pignataro, 1.

**DONS SIEGE SOCIAL**
**5e Liste :**

| | |
|---|---|
| S-ro Pialla | 48,00 |
| S-ro Dabezies | 25,00 |
| S-ro Lavarenne | 10,00 |
| Anonimulo G. | 30,00 |
| S-ro Baldes | 15,00 |
| S-ro Canat | 6,75 |
| S-ro Hamermehl | 12,00 |
| F-ino Romand | 5,00 |
| S-ro Bonnini | 20,00 |
| Grupo de Chatenay-Malabry | 45,00 |
| S-ro Garrigue | 7,00 |
| | **223,75** |
| **Listes 1 à 4** | **4.306,00** |
| **TOTAL** | **4.529,75** |

# Enhavo



Ĉi tiu numero entenas :

**Bulletin Trimestriel d'Informations Mondiales** (supplément)

# 1965, jaro de la Internacia Kunlaborado, estu ankaŭ Jaro de la Franca Esperantista Kunlaborado



**La vero estas en la maksimo « UNUIĜO ESTAS FORTO », kaj, nia Franca Unuiĝo ĝojas en tiu ĉi jaro de kunlaborado akcepti siajn amikojn de G.E.Æ. Certe kun tia apogo kreskos kaj floros la Paska Kultura Semajno, kreskos kaj floros la agado en la lernejoj. ĉiuj mano en la mano ni kunlaboru por la bono de nia movado.**

**— Partoprenu niajn jarajn kongresojn, kie vi povos libere paroli.**

**— Atentu pri nia informa fako kaj dokumenta komitato, ĉiam agemaj.**

**— Vizitu nian Centran Oficejon (34, rue de Chabrol, Paris 10e), kie deĵoras nia afabla kaj konstanta sekretariino.**

**— Vidu la efikon de nia trimonata franclingva informbulteno, redaktata de D-ro Maillard ; niaj amikoj de Sat-Amikaro intencas eldoni sammaniere, sed kun informoj por la laboristaj medioj !**

**— Konstatu la influon de nia speciala bulteno pri la Paska Kultura Semajno, en la edukaj medioj.**

**— Legu la kleran kaj bone redaktitan « Franca Esperantisto » ĉu presitan ĉu ofsetan.**

**Kaj imagu la disvastigon, kiun ni povus atingi, se ĉiuj francaj geesperantistoj fariĝus membroj « A » de nia Unuiĝo.**

**Jes, Jaro de Internacia Kunlaborado, sed ankaŭ Jaro de la Franca Esperantista Kunlaborado, ĉar la laboro ne mankas kaj ĉiu ĉe iu ajn posteno povas esti utila.**

R.L.W.

### REOUVERTURE DES COURS

Septembre et octobre constituent pour les « agemaj esperantistoj » les mois d'intense travail.

Dans les localités où il existe un Centre d'Espéranto, le Président ou le Secrétaire organise une réunion fin septembre pour préparer la reprise des cours.

Voici un exemple :

A Perpignan :

— le 22 septembre : réunion des membres du Centre ;
— le 29 septembre : conférence publique sur l'Espéranto, agrémentée de projections « Lentaigne » et d'un exposé au tableau sur la construction grammaticale de l'Espéranto ;
— le 6 octobre : ouverture des cours publics ;
— le 7 octobre : ouverture des cours aux lycées et écoles d'Etat.

Il ne faut pas oublier de demander un droit d'inscription au cours ou une cotisation mensuelle pour le Centre. Il faut, dès octobre, collecter les cotisations pour U.E.A./U.F.E. Un bon principe est de prévoir, dans les cotisations du Centre, la part U.E.A./U.F.E.

A Perpignan, la cotisation **mensuelle** est de 2 F. pour les jeunes et non salariés, et de 5 F. pour les adultes et salariés ; elle comprend la part U.E.A./U.F.E.

Les Fédérations régionales doivent, par lettres-circulaires ou bulletins, maintenir un contact étroit avec les centres locaux et servir de lien entre tous les groupes en renforçant son action auprès des groupements en formation.

R.L.W.

### ĈU VI LEGAS ?

El enketo farita de UNESKO en 1962 rezultas, ke pli ol 700 milionoj da homoj tra la mondo scipovas nek legi nek skribi ; kaj kontraŭ la analfabeteco de tiuj **du kvinonoj** de la homaro UNESKO lanĉis vastan kampanjon. Kvankam la gazetaro malpli bruas pri tiu ĉi, ol pri militoj, jen agado salutinda kaj kuraĝiga en nia jarcento, kiun tro obsedas multekostaj satelitoj kaj minacoplenaj fuzraketoj. Ja instruado estas malpli spektaklorîĉa ol vojaĝo al la luno ; sed por la feliĉo de homo, kiom pli valora !

Dume laŭ statistiko antaŭ ne longe starigita ĉe la libro-profesiuloj evidentiĝas, ke 75 % de la libroj venditaj en Francujo estas legataj nur de 14 % el la gefrancoj ; kaj — kio pli gravas — 58 % absolute nenion legas. (**XXXI-a Kongreso de la francaj libristoj**). Plie laŭ alia statistiko la francaj bibliotekoj estas vizitataj nur de 6 % el la loĝantaro, dum en Britujo la proporcio atingas tamen 28 %. Ja ankaŭ pri tio ĉi la plimulto el la gazetoj restas silenta...

Ĉe la konstato de tiaj ciferoj oni povas demandi al si, ĝis kiu grado kontribuis la radio - kaj televido - aparatoj. La t.n. aŭdo-vidaj rimedoj estas nuntempe laŭmodaj : oni maltrafu eĉ ne unu okazon por emfazi ilian efikecon ! Sed krom la tekniko scipovi rekoni la literajn valorojn, ĉu ankaŭ ne necesus — eĉ en Francujo — doni kaj redoni la **guston** de la legado ?

J. T.

### NE NUR ANONCI, SED PRUVI !

Dum nia klopodado por disvastigi nian lingvon, ni tro ofte anoncas ĝiajn atingaĵojn, kaj nur malofte pruvas ilin ; tamen, nur pruvo estas konvinkopova kaj nur Esperanto povas liveri pruvojn pri sia reto da delegitoj (Jarlibro de U.E.A.), sia gazetaro kaj sia literaturo.

Kiam ni petas de redaktoro la enpresigon de informartikolo pri Esperanto, estas tre konsilinde akompanigi nian petleteron per ekzemplero de la Jarlibro de U.E.A. (nur freŝdata !) kaj de kelkaj ekzempleroj de niaj ĉefaj gazetoj : Esperanto, Praktiko, Monda Kulturo, Kontakto, Kulturaj Kajeroj, ktp.

Mi speciale atentigas pri la elstara pruvvaloro de la Jarlibro ! Kolekti la serion sur breto estas bone, sed uzi tiujn de la lastaj jaroj por informi estas senkompare pli bone ! Ni taŭge eluzu ĉiujn informrimedojn !

A. RIBOT

### POUR UN PLUS GRAND NOMBRE DE MEMBRES A U.F.E. ET U.E.A.

Pour que nous puissions être entendus des Pouvoirs Publics, il faut que U.F.E. et U.E.A. aient de nombreux membres.

Les professeurs des cours, les trésoriers des groupes ont un rôle important à jouer ; il est toujours possible de percevoir deux francs d'un jeune élève pour faire partie de notre grande famille.

Certains trésoriers fédéraux attendent que Paris ristourne aux centres locaux la part fédérale. Il est préférable de demander dès octobre le versement à la Fédération, de retenir sa part, et d'envoyer le reste à Paris. Un deuxième rappel doit être effectué en janvier.

Je fais appel aux professeurs, aux trésoriers locaux et régionaux pour entreprendre, au cours de l'année scolaire 1965-1966, une campagne de recrutement.

Nous publierons les statistiques par région. La compétition est ouverte. Antaŭen !

R.L.W.

## ESPERANTISTA INFORMADO EN LA FERVOJAJ GAZETOJ

Parolante kaj aŭskultante ĉirkaŭ mi, mi ofte konstatis kaj daŭre konstatas, ke multaj gekolegoj ne estas informataj pri nia internacia lingvo kaj ĝiaj gravaj eblecoj. Tiam venis al mi la ideo uzi la multnombrajn informilojn, kiuj estas legataj en ĉiuj tavoloj de la fervoja nacia societo, cele disvastigi senkoste informojn pri nia movado aŭ pri la agado de la esperantistaj fervojistoj. Dum la pasintaj jaroj tio estis jam provita sed ne grandskale, kiel tio ŝajnas inda, se oni volas atingi pozitivajn rezultojn. Mi jam sukcesis aperigi esperantistajn rubrikojn en la bultenoj de fakaj asocioj kaj starigi daŭrigendajn rilatojn kun F.F.E.A. Kvankam ĝis nun mi ne ricevis veran helpon en tiu tasko, kelkaj samideanoj kuraĝigis min sekvi pluen tiun vojon, kaj mi esploros novajn eblecojn. Mi kalkulas, ke kunlaborantoj sin anoncos por helpi min en tiu vasta laboro, kiu postulas multe da tempo ; kaj mi dankas la kolegojn, kiuj aperigis artikolojn en siaj lokaj aŭ regionaj fervojaj informiloj. Nia fervojista asocio povus esti pli reprezentiva dank'al pli taŭga kaj efika varbado, ĉar multaj personoj sin montras favoraj al nia internacia lingvo kaj estas pretaj ĝin subteni.

H. BERNIER
Informa respondeculo de F.F.E.A.

## POST HELSINGOR... (18-25 - 7 - 1965)

Tuj je la alveno al la Altlernejo la unua impreso de la partoprenantoj, kiuj same kiel mi, jam antaŭe ĝuis tiun lokon, estis ĝoja pro la reveno sed ankaŭ iom korprema ! Ankaŭ tie, oni fosas, oni detruas, oni konstruas ! Amasoj da diversaj materialoj, fosaĵoj, truoj, koto invadis la belan ĝardenon, sur kiu antaŭe okazis superaj kursoj dum bela vetero, kaj tiun parton de la parko en la direkto de la lago, kies blanka ponteto ankaŭ malaperis !...

Malagrabla spektaklo por la alvenintoj sed ankaŭ anonco de pli vasta, pli bela, pli moderna Altlernejo post iom da tempo !

Tre baldaŭ malaperis tiu unua impreso, kiam ĉiu sentis sin envicigita en la diversajn Internaciajn Esperanto-kursojn en Helsingor, majstre aranĝitajn de Ges-oj Friis.

Ida ĉeestis, sed ĉijare ŝi devis rezigni pri gvidado de sia tradicia elementa kurso. Ŝia anstataŭantino S-ino Riksberg plene sukcesis kontentigi la multajn partoprenantojn.

La naturmetodon demonstraciis S-ro Sogaard-Hansen sperta instruisto, dum t.n. superan kurson, kun multe da analizoj kaj diskutoj gvidis S-ro Moravec el Flensburg al tre internacia lernantaro !...

Sed nur matene oni laboras en Helsingor ! Diversaj ne tre longaj sed interesaj ekskursoj okupis la posttagmezojn ! Tiel ni povis ĝui tre kompletan viziton al Kronborg la kastelo fama pro Hamleto, en kies subaĵo Holger Dansk ankaŭ ĵus perdis kaj retrovis sian kapon ! Ni traveturis Gurre en fagarbaroj, kie ĉiunokte pro puno la mezepoka reĝo Valdemar rajdas fajrĉevalon ! Fredensborg akceptis nin en la propra ĉambraro de la Reĝa Familio ! Frederiksborg malavare prezentis siajn riĉaĵojn en la kadro de sia vasta kastelo ! Tutan posttagmezon ni dediĉis al Svedujo al la urbo Hälsingborg, kie la loka grupo vere bone prizorgis tiun internacian akcepton !

Vesperojn okupis diversaj kulturprogramoj. S-ro Friis prezentis filmojn pri antaŭaj semajnoj, ĉar de ĉ. 30 jaroj li organizas tiajn, ankaŭ longan kolorfilmon pri Kanariaj Insuloj... S-ro Magnusson el Islando prezentis lumbildojn pri sia tre interesa lando kaj la nun erupcianta vulkano. S-ro Lovatti el Milano disaŭdigis kun trafaj komentoj la operojn el italaj majstroj pri muziko. La sabata vespero kun tre internacia varietea programo signis la finon de tiu tro rapide forpasinta Semajno !

Tie ĉeestis 115 personoj el deko da landoj ! Ne nur la kursoj estis vere internaciaj sed ankaŭ la amikaj diskutadoj pri plej neatenditaj temoj laŭ hazardo de la renkontoj ! Estis tie pluraj esperantistaj paroj, kiuj al siaj infanoj ekde la naskiĝo parolas la lingvon !

La komforto estis tre sufiĉa en la Altlernejo dum tiu feria tempo, la nutraĵo abunda kaj bonkvalita, kvankam la multaj smorbrod-oj povas aspekti iom surprizaj al ne alkutimiĝintaj gastoj, sed tie estas nordo ! Neniu rajtas plendi en eksterlando !...

Entute tre bona Semajno, kun bela vetero plej ofte. Sincere ni danku Ges-ojn Friis, iliajn gehelpantojn, kaj ĉiujn partoprenantojn, kiuj pli malpli kontribuis al la sukceso de tiu Internacia aranĝo !

Ĝis la venonta jaro !

J. ASQUERI.

## LA BELGA KAJ MARKOLA ESPERANTO-KONGRESO EN OSTENDO (Belgujo) — PENTEKOSTO 1965

Ĉeestis 200 esp. el 10 landoj (ĉefe Belgoj, Britoj, Francoj, Nederlandoj). Diservon celebris kaj sermonon faris Msro A. Lantos-Kiss, el Soprom (Hungarujo).

Krom la ekspozicio kun prezento de diapozitoj propagandaj de Lentaigne kaj Antwerpena klubo, rimarkinda estas la fakto, ke la urbesto de Ostendo plej kore kaj plurfoje akceptis nin. Li parolis nederlandlingve (la oficiala lingvo en Ostendo) kaj diris frazojn en sufiĉe komprenebla esperanto (li legis ilin, ĉar li ne estas esperantisto).

La distra vespero, post salutoj de la eksterlandaj respondeculoj, LKK-anoj (neniu estis Ostend-ano) kaj klub-estroj el Belgujo, enhavis du programerojn :

— la esperantista amatora **ventro-parolanto** Ben Weber, el Middelburg (Nederlando).

— La **demand-ludo** de A. Dumarey (Brugge) kun partopreno de 4 teamoj el Antverpeno, Lieĝo, Francujo kaj Britujo.

Mi mem partoprenis, kaj nia teamo estis la tria, post la Belgoj sed antaŭ la Britoj.

Entute estis 36 demandoj pri ĝenerala klereco (aktualeco kaj esperantaj temoj) kaj, krome ekzercoj pri praktika lerteco. La plej amuzaj por la spektantoj estis eble demeti ŝuojn, ŝtrumpojn, enmeti 4 lignopecetojn inter la pied-fingrojn, levi la piedon, fari same por la alia. La plej rapida gajnis (hazarde, estis mi, por la Franca teamo). Alia ekzerco estis lumigi dek kandelojn per unusola alumeto ; alia : fari ĉeneron el mallongaj pecoj da ŝnuro, faligi kuglojn, ktp...

La ludo sukcesis. Oni devus fari similajn en niaj kluboj (eble pli mallongaj, kun amuzaj premioj). Ĉiukaze estas bona metodo por amuzi kaj samtempe informi la anojn pri diversaj aspektoj de la esperanto-movado.

Dimanĉe, dum la **oficiala akcepto** ĉe la urbodomo, la urbestro detale klarigis al ni (tradukis S-ro Jaumotte) la funkciadon de la urbkonsilantaj kunvenoj, kun elektraj instalaĵoj (mikrofonoj por ĉiu, parolvicon elektrone direktata de la urbestro per lia ordon-tabelo, ktp...

**La lunda tuttaga** ekskurso klarigis al ni multon pri la historio de Flandrujo. Mi plej ŝatis la viziton de la kastelo-abatinejo de Malle, kie la estrino tre sprite rakontis pri la historio kaj multaj anekdotoj. Ŝi parolis multe kaj rapide (flandralingve). Tradukis Roose (li bedaŭrinde devis resumi). La konstruaĵo mem estas tre alloga kun malnovaj kaj novaj partoj, kiuj harmonias.

La venonta belga kongreso okazos en Louvain. La proksima markola kunveno certe estos en iu brita marurbo. En 1967 verŝajne estos markola kongreso (kaj samtempe nacia franca) en Calais.

## DUONJARA RAPORTO DE SKOLTA ESPERANTISTA LIGO

Komence de la jaro ni ricevis leteron, en kiu la Monda Skolta Oficejo anoncis al ni pri la nova decido rilate Esperanton.

Laŭ tiu plej alta skolta instanco Esperanto ne plu estas « **senutila afero** », kiel en la jaro 1934, sed male jam **uzata** kiel oficiala lingvo por la Interpretista Insigno en multaj landoj.

Tia nura konstato ankoraŭ ne estas tre favora, sed ĝi donis al ni la eblecon kunlabori kun kelkaj naciaj Skoltasocioj. En aliaj landoj ĝi donis al ni la kuraĝon por fari novajn klopodojn.

Fakte en la pasinteco la malbonaj rezultoj kelkfoje mortigis al ni tiun ĉi kuraĝon !

Ankaŭ el la korespondo inter la M.S.O. kaj TEJO, rilate la Seminarion pri Lingvaj problemoj, montriĝis tute nova, ŝanĝita sinteno.

Nia gazeto « La Skolta Mondo » aperis regule ĉiun trian monaton. La enhavo estis interesa, ankaŭ por neskoltaj gejunuloj. Kvankam nun nur stencilita, ĝi tamen aspektis sufiĉe bone, kun multaj bildoj.

Bedaŭrinde la reto de Naciaj Reprezentantoj, ĉijare ankoraŭ ne pligrandiĝis. S.E.L. tamen ekhavis novajn kontaktojn kun Brazilio.

Ĝen.-sekret. de S.E.L. : J.K. HAMMER,
Wibautstraat 49, Zaandam, Nederlando.

## KUNSIDO DE U.F.E. - KONSILIO, en la sidejo 34, strato DE Chabrol, la 11-an de aprilo 1965 — PROTOKOLO —

Ĉeestas : la prezidanto, s-ro Llech-Walter, s-ino M.-L. Bodard, s-roj A. Bourdeaux, L. Giloteaux, J. Guillaume, J.-L. Mahé, G. Rougetet, J.-A. Rousseau kaj J. Thierry.

Senkulpigitaj : d-ro A. Albault, s-roj R. Bernard, R. Blanc, D. Chagnoux, J. Chapellier, f-ino Ch. Garrigue, s-roj F. Garrigue, J. Manceau, H. Micard, A. Ribot, s-ino vincent.

La prezidanto malfermas la kunsidon je la 9-a 45 kaj legas la ricevitajn leterojn kaj voĉdonajn rajtigilojn.

**4-a KULTURA SEMAJNO.** — La prezidanto raportas pri la nuna stato de la rilatoj kun la ministrejo, kiu nun verfakte minimumigas sian helpon. Stariĝas du demandoj : pri la buĝeto kaj pri la bulteno. La buĝeto montriĝas ekvilibrigita. Konsente kun la Kultura Domo aperos pri la Kultura Semajno speciala numero.

**PARIZA FOIRO.** — S-ino M.-L. Bodard proponas por la budo, ke oni luu meblojn. Sekvas debato pri la kosto (150 fr.). La propono estas akceptita per 11 voĉoj kontraŭ unu. Krome estos farita en la Pariza Regiono alvoko al gevolontuloj por deĵori en la budo.

**NACIA KONGRESO EN LE HAVRE.** — Ĉis nun 100 aliĝintoj. J. Guillaume raportas pri la preparado (prelego de s-ro Farkas, ŝipprომeno kaj tri filmoj). Estas ekzamenita la tagordo de la kongresaj laboroj ; en rilato kun la eksterordinara kunveno pri la propono de s-ro Gouget kaj por la bona ordo de la debato s-ro Thierry proponas, ke la konsilio kunsidu tuj post la elekto de la novaj membroj. Propono unuanime akceptita. Novaj kandidatiĝoj : s-ro Aisberg, inĝ. Dettwiller.

**SEPTEMBRA STAĜO en Grésillon.** — Gvidata de prof. Martin el Rennes ; aperos artikolo.

**NOBEL-PREMIO.** — S-ro Guillaume raportas pri la lastaj klopodoj.

**PETICIO.** — S-ro Rougetet raportas pri la novaj subskriboj.

**VIZITO AL LA MINISTREJO.** — La prezidanto klarigas la vizit-intencon : subvencioj por la Kultura Semajno kaj U.F.E. Li pensas viziti kun prof. Fréchet s-ron Herzog dum majo.

**BILANCO DE LA JARO.** — Ĝi troviĝas en la Revuo.

**FRANCA ESPERANTISTO.** — S-ro Thierry raportas pri la nuna situacio. Estas antaŭviditaj : unu ofsetita por majo-junio, unu presita por julio-aŭgusto kaj septembro, unu ofsetita por oktobro-novembro kaj unu presita por decembro-januaro. Konsidere la specialan numeron de la Kultura Semajno, la bulteno de d-ro Maillard aperos kun la septembra kaj januara.

**ALVOKO POR LA SIDEJO.** — La sumo atingis 4.160 Fr. jn. Sekvas debato pri la eventualeco esti devigata aĉeti la sidejon.

**RAPORTO DE LA STATUTKOMISIONO.** — S-ro Thierry raportas pri la letero de la 29-a de decembro 1964, kiun leteron sendis al U.F.E. la estraro de Franca Fervojista Esperanto-Asocio. Per tiu ĉi letero la estraro informas, ke ĝi nuligas la balotrezulton de la jarkunveno de la 29. novembro. Laŭ kia demokrateco estraro rajtas nuligi balotrezulton de ĝenerala kunveno ? S-ro J. Thierry laŭtlegas la respondon preparitan en komisiono kaj submetitan al la aprobo de la Konsilio. Konklude, la baloto, okazinta en Le Mans, pri principa aliĝo de F.F.E.A. al U.F.E. (franca branĉo de U.E.A.) restas valida (73 por, 44 kontraŭ) tiel longe, kiel alia baloto de jarkunveno ne kadukigos ĝin ; kompreneble, ĉar la principo postulas kelkajn teknikajn statutaranĝojn kaj ĉi tiuj bedaŭrinde ne estis konsiderataj, antaŭ ol submeti la principon al voĉdono, nur la efektiva aplikiĝo povas esti prokrastita, ĝis estos kiel eble plej baldaŭ faritaj ĉi tiuj aranĝoj. La respondo estas plene aprobita de la Konsilio kaj s-ro Thierry komisiita sendi ĝin al la Estraro de F.F.E.A.

**PROPONO DE S-ino SANTREUIL.** — Unu medalo por malnovaj aktivuloj. La Konsilio ne konsideras tian proponon oportuna en la nunaj cirkonstancoj.

**AGNOSKO DE PUBLIKA UTILECO.** — Estas nun preparataj la bilancoj (1962-63-64) kaj la akiro de akcioj por 1.000 Frj.

**J.E.F.O.** — S-ro Simonnet raportas pri la nuna organizstato kaj pri kelkaj projektoj (subskribado por la peticio fare de profesoroj, renkontiĝo de J.E.F.O. kaj G.E.J. en Grésillon).

**DIVERSAĴOJ.** — S-ro L Giloteaux donas plurajn informojn pri la Norda Federacio.

— s-ro J. Thierry prezentas la proponon de C.E.D. koncerne la eldonon en franca lingvo de la dokumento CED/7 ; bedaŭrinde mankas la financaj rimedoj.

(vid. p. 56).

## LA 57-a NACIA KONGRESO EN LE HAVRE 5, 6, 7 JUNIO 1965

Koncerne la labor-kunsidojn oni legos ĉi-poste la protokolon de s-ro J. Chapellier ; sed unue estu al ni permesite substreki, kiel gratulinda estis la kongresorganizo en Le Havre. Ĉio glate funkciis pro la bona preparado de la loka grupo sub gvidado de s-ro G. Mammaux.

Tuj ĉe la alveno en la stacidomon la kongresanoj estis akceptitaj de pluraj gesamideanoj kaj kondukitaj al la akceptejo, kie perfekte deĵoris loĝiga servo.

El kultura vidpunkto pluraj filmoj (inter ili « Angoroj ») estis prezentitaj ; kaj varietea vespero konsistis en bildo-prezento pri Hungarujo, la lando de la venonta 51-a Universala Kongreso, kaj en folkloraj dancoj tre agrablaj.

La tradicia gastronomio de Normandio ne estis forgesita, kaj la menuoj en Le Havre, same kiel en Fécamp estis redaktitaj en esperanto. Eĉ malgrandan traktaĵon pri mustardo, spicaĵoj kaj saŭcoj oni ricevis en Yvetot. La ekskursa rondiro ebligis interesan viziton de Tancarville kaj tre plaĉan akcepton en Yvetot kun infanoj vestitaj per tradicia kostumo.

Fine ni aparte memoros la varman akcepton kaj la **promesojn** ricevitajn en la urbdomo de Le Havre.

*Allocution prononcée par M. A. Heudron, adjoint au Maire, au nom de la Municipalité, à la réception des Délégués des Fédérations Régionales de l'UNION FRANÇAISE pour l'ESPÉRANTO réunis au Havre à l'occasion du 57e Congrès National.*

Mesdames, Mesdemoiselles,
Messieurs,

« C'est un grand plaisir pour moi d'accueillir aujourd'hui, au nom de la Municipalité, les délégués des FÉDÉRATIONS REGIONALES de l'UNION FRANÇAISE pour L'ESPERANTO réunis au Havre pour leur 57e CONGRES NATIONAL.

« En effet, Le Havre, porte océane largement ouverte vers l'Etranger, carrefour cosmopolite où se retrouvent des navires de tous les pays, était tout désigné pour qu'un congrès de la langue universelle y ait lieu.

« En second lieu, parce que notre municipalité est particulièrement soucieuse des problèmes de paix et de détente internationale.

« Nous savons que la multiplicité des langues est un facteur générateur d'incompréhension et partant de haine, et chacun sait que la haine conduit à la guerre.

« Chaque frontière fait de l'homme un sourd-muet réduit aux mimiques pour se faire comprendre ou pour se faire aider, et cela rappelle le propos d'Alain Fournier : « **Je suis déçu comme ce naufragé qui croyait causer avec un homme et qui reconnut que c'était un singe** ».

« L'Espéranto, langue universelle, est tout désigné pour servir de lien entre les hommes par delà les frontières, les barrières raciales ou autres, car les frontières naturelles et artificielles ne s'imposent pas comme une loi mystérieuse, ce ne sont point de providentielles limites et il n'est pas exclu qu'un jour ou l'autre les langues nationales devront infailliblement se fondre en une seule langue commune.

« La Municipalité du Havre est consciente de l'importance de ce problème. Elle a déjà consenti à mettre à la disposition du groupe havrais d'espéranto un nouveau local mieux adapté aux réunions.

« Sans doute souhaitez-vous que l'enseignement de l'espéranto soit rendu obligatoire dans les écoles de tous les pays, pour que chaque homme connaisse au moins deux langues, celle de son pays et l'espéranto. Ce sont des problèmes qui vous sont évidemment familiers dont votre congrès national a eu à débattre ou dont il débattra certainement.

« Plus modestement, nous pensons qu'il serait souhaitable qu'un cours d'espéranto soit adjoint, à la prochaine rentrée, aux cours municipaux déjà existants.

« Soyez persuadés en tous cas que notre municipalité n'est en aucune façon indifférente à tous les problèmes dont la solution peut aboutir à un rapprochement des hommes et à l'établissement de meilleures relations internationales.

« C'est dans ce but que travaille indiscutablement votre 57e Congrès et c'est également pour cela que, tout en vous renouvelant le plaisir que nous avons à vous recevoir en notre Hôtel de Ville, la Municipalité souhaite à votre Congrès une complète réussite ».

# Protokolo de la 57-a Nacia Kongreso en Le Havre

## la 6-an de junio 1965

**MATENA LABORKUNVENO.**

S-ro Mammeaux, prezidanto de la L.K.K., sekvita de s-ro Bosc, honora prezidanto de la normanda federacio, bonvenigas la kongresanaron kaj deziras al ĉiuj agrablan restadon en Le Havre.

La Prezidanto de U.F.E., s-ro Llech-Walter, malfermas la laborkunvenon per kelkaj afablaj kaj kuraĝigaj frazoj, legas senkulpigajn kaj salutajn leterojn ; inter la plej rimarkindaj ni citas tijn de s-ro Jonas, la ĵus elektita prezidanto de la aŭstria respubliko, s-ro Becker, ĝenerala sekretario de U.E.A., la munkena esperanto-grupo, la rondeto « Ĉiam kune » el Bydgoszcz (Pollando) kaj tiujn de diversaj konsilianoj de U.F.E.

Tuj poste, la prezidanto petas s-ron Thierry prezidi komisionon de 3 membroj por kontroli la voĉdonojn kaj rajtigilojn pri la elekto de 8 membroj de la U.F.E.-konsilio.

La protokolo de la 56-a nacia kongreso en Parizo, kiu aperis en Franca Esperantisto, estas unuanime akceptita. Poste s-ro Guillaume legas la jaran raporton pri 1964-65 ; la kasisto s-ro Rousseau prezentas la financan raporton, kies unua parto aperis en F.E. ; la dua parto estas disdonita al ĉiuj ĉeestantoj. S-ro Llech-Walter legas la raporton de la kontrevizinto, s-ro Pierre Royer, kiu proponas al la kongreso deziresprimon kun la jena teksto :

« *La kongreso, aŭdinte la raporton de la kasisto kaj tiun de la kontrevizinto,*

*konsiderante, ke la kasisto plenumis kompetente sian oficon, kaj ne povas esti kulpigata pri la neadekvateco de la librotena sistemo, pri kiu respondecas la estraro entute,*

*aprobas la kontojn kaj kvitigas la kasiston,*

*rekomendas al la estraro, ke financa plano estu kiel eble plej frue starigita kaj regule sekvata la evoluo de la kontoj kompare kun la plano,*

*sekve, rekomendas al la estraro la starigon de racia librotenado kaj racia prezento de la kontoj.* »

La prezidanto donas la parolvicon al la ĉeestantoj ; okazas tre vigla sed iom kaĥosa debato : la diversaj parolantoj miksas la jaran kaj finanĉan raportojn kaj la deziresprimon de s-ro Royer. S-ro Jossinet aprobas la ideon de d-ro Maillard : voĉdono de ĉiu membro unuope eĉ per korespondado. S-ro Thierry respondas, ke tio ne eblas nuntempe pro la statuto, sed tiu ĉi afero estos studota posttagmeze. S-ro Gouge, parolante franclingve, reprenas la argumentojn de S-ro Royer ; li asertas, ke ili estas ĝustaj, kaj ke li mem sufiĉe klarigis sian opinion en la jam eldonitaj « cirkuleroj ». S-ro Wilhem petas, ke oni ne miksu la diskutadon pri la agada raporto kaj la financa. Ĉar kelkaj partoprenantoj protestis pro la uzado de la nacia lingvo, s-ro Simonet esprimas la opinion, ke nenio malhelpas ĉi tiun uzadon ; s-ro Gasse diras, ke la kongreso estas unika okazo paroli esperante. La prezidanto petas la opinion de la kongresanoj per levitaj manoj ; nur 8 samideanoj estas por la uzo de la nacia lingvo.

Estas proponite voĉdoni aparte por la dezir-esprimo de s-ro Royer kaj por la elekto de la konsilianoj. Jen la rezultatoj de la baloto por la dezir-esprimo :

1) por aprobo de la kontoj : 1208 voĉoj kaj 7 sindetenoj ;
2) por plibonigo de la librotenado : 1214 voĉoj kaj 1 sindeteno.

Pri la librotenado s-ro Rousseau donas klarigojn : li laboras ĉiun sabaton posttagmeze en la sidejo de Chabrol kaj ne povas disponi je pli da tempo. Oni serĉis bonvolemulon specialiston por teni la kontlibrojn laŭ la klasika metodo, laŭ propono de s-ro Gouget ; bedaŭrinde, ĝis nun, neniu konsentis ; la serĉado daŭros.

S-ro Thierry, redaktoro de Franca Esperantisto, raportas pri nia revuo : li asertas ke ĉiuj kongresaj kritikoj estas konsiderataj kaj studataj, sed ofte la deziroj de kelkaj membroj kontraŭas tiujn de aliaj ; kaj ne eblas kontentigi ĉiujn.

La nombro da abonantoj al F.E. estas 816, el ili 19 eksterlande ; estus dezirinde multe pligrandigi la abonantaron por malaltigi la koston de la revuo.

S-ro Llech-Walter raportas pri la Kultura Semajno, kiu estis tre sukcesa (vidu la « Bulletin spécial » en F.E. n° 232 de majo-junio) ; kaj li fermas la matenan kunvenon je la 11 h. 30 por permesi al la kongresantoj partopreni ĝustatempe la akcepton en la urbdomo.

D-ro Albault anoncas, ke por la oratora konkurso akceptis esti juĝantoj s-roj Philippe, Ribot kaj li-mem.

**POSTTAGMEZA KUNVENO.**

Antaŭ la malfermo de la ĉefkunveno okazas mallonga kunsido de la Konsilio, dum kiu la prezidanto bonvenigas la nove elektitajn membrojn. Oni elektas novan estraron :

*R. Llech-Walter, prezidanto ;*
*A. Albault, R. Blanc, D. Chagnoux, G. Rougetet, vic-prezidantoj ;*
*J. Guillaume, ĝenerala sekretario ;*
*J. Thierry, help-sekretario ;*
*J. Rousseau, kasisto.*

Malfermite je 15 h. 15, la posttagmeza kunveno estas prezidata de s-ro Philippe, honora prezidanto de U.F.E. Li tuj donas la parolvicon al s-ro Thierry, kiu anoncas la rezultatojn de la balotado por renovigo de la triono de l'U.E.F.-konsilio :

Nombro de la voĉdonantoj : 1225.
Estas elektitaj : D-ro Albault (1225), s-roj Aisberg (1033), Asqueri (1225), D-ro Berlot (1225), s-roj Bernard (1225), Blanc (1225), Dettwiller (1033), Thierry (1225).

D-ro Albault legas la raporton de d-ro Maillard, redaktoro de la bulteno pri mondaj informoj en franca lingvo, kaj gratulleteron de s-ro Wensing, vicprezidanto de U.E.A. Tiu tre interesa bulteno estas sendita, krom al ĉiuj U.F.E.-membroj, al multnombraj membroj de la publika instruado, al eminentuloj en franclingvaj landoj : Kanado, Belgujo, Luksemburgo kaj Svislando.

S-ro Llech-Walter legas leteron de s-ro Frangeul el Angers sed bedaŭras, ke pro manko de mono, la propono ne estas realigebla.

S-ro Dettwiller parolas pri la germana broŝuro « Moderna homo parolas en Esperanto » ; ĝi estas perfekta propagandilo kaj devus esti tradukita franclingven.

S-ro Bourdeaux parolas pri informado, eldono de taŭgaj propagandiloj kaj petas sugestojn por trovi la necesan monon. Kiel nacia respondeculo de la informa fako kaj gazetara servo, li povas liveri multajn tute pretajn artikolojn por regionaj gazetoj ; sufiĉas, ke la lokaj reprezentantoj rilatu rekte kun li, skribante al la jena adreso : **André Bourdeaux, 164, rue de Saussure, Paris (17e)**. Li admonas la kulturajn centrojn, kiuj ankoraŭ ne havas inform-delegiton, elekti tian reprezentanton kiel eble plej rapide kaj sendi lian adreson al U.F.E.

Je la 16 h. 15 la prezidanto malfermas **eksterordinaran kunvenon** por diskuti pri ŝanĝoj en la statuto :

**1-e) Propono Gouget pri modifo de la voĉdonmaniero.** — S-ro Gouget havas la parolvicon kaj legas la artikolon de D-ro Maillard, kiu respegulas sian propran deziron : ĉiuj membroj voĉdonu perletere sub du kovertoj por la elekto de la konsilianoj.

S-ro Thierry donas tre argumentitan respondon kontraŭ tiu ĉi propono.

En spirito de paciĝo estas akceptita de s-ro Gouget propono, laŭ kiu ĉiu membro ricevos de la sekretariaro specialan leteron por voĉdono, sed ĉi tiu letero estos resendota al la koncerna federacio.

**2-e) Akcepto de G.E.E. kiel faka asocio de U.F.E.** — Raporto de D-ro Albault. Lipetas senkulpigon pri la neĉeesto de s-ro Bidoit, la ĝenerala sekretario de G.E.E., kiu ne povis partopreni la kongreson. G.E.E., dum la paska kongreso, decidis aliĝi al U.F.E., laŭ paragrafo 3 de la statuto. Pro tio, F-ino Dedieu, prezidantino, kaj s-ro Bidoit, sekretario, organizis referendumon ĉe la G.E.E.-membraro ; el 118 ricevitaj respondoj, 110 aprobis la

aliĝon. Post klarigoj de s-ro Wilhem, la kongresanaro estis petata voĉdoni por aŭ kontraŭ la akcepto de G.E.E. kiel faka asocio de U.F.E. Per levitaj manoj la aliĝo estis unuanime aprobita.

3-e) **Ratifo de la plialtiĝo de la kotizoj.** — S-ro Thierry klarigas, ke laŭ la paragrafo 3, 6-a alineo de la statuto, la plialtigo de la kotizoj devas esti aprobita de la ĝenerala asembleo. Voĉdonado montris unuaniman akcepton de la plialtigo.

Kun tiu ĉi punkto finiĝas la eksterordinara kunveno kaj la prezidanto reprenos la tagordon de la kongreso.

Du rezolucioj estas submetitaj al la aprobo de la kongreso :

**LA 57-a NACIA ESPERANTO-KONGRESO,**

**— konscia pri la malfaciloj ekzistantaj por la diverseco de la lingvoj en la ĉiutage pli multaj internaciaj interŝanĝoj,**

**— REASERTAS, okaze de la « Jaro de Internacia Kunlaborado » starigita de la « Unuiĝintaj Nacioj », la neceson uzi unu komunan lingvon ;**

**— KONSTATAS, ke la Lingvo Internacia, kiu pli kaj pli disvastiĝas en la mondon, hodiaŭ prezentiĝas kiel la plej ĝusta interkomprenilo por la kulturaj, sciencaj kaj teknikaj bezonoj de nia epoko ;**

**— DEZIRAS ĝian ĝeneraligon en ĉiuj gradoj de la instruado.**

**LA 57-a NACIA KONGRESO,**

**— emociite pro la persistaj percirkuleraj kampanjoj kiuj jam de la jaro 1961 disfloradas interne de la franca Esperanto-movado kaj tiel ne ĉesas subfosi ĉiun penon de reviglîĝo ;**

**— tute MALAPROBAS tian agmanieron nedemokratecan kaj ESPRIMAS sian plenan fidon al la estraro kaj konsilio de la nacia Unuiĝo ;**

**— ALVOKAS al la konscienco de ĉiuj geesperantistoj, por ke eventualaj kritikoj al la estraro aŭ konsilio de la Unuiĝo estu faritaj nur laŭ la statuta vojo pere de leteroj al la koncernaj instancoj, artikoloj en la regulaj gazetoj, aŭ okaze de debatoj en la kongresoj.**

La unua rezolucio estas unuanime akceptita ;
La dua akceptita kun 1 sindeteno.

La 16-a punkto de la tagordo pritraktas : raportoj kaj sugestoj de la federacioj aŭ membroj.

S-ro Heintz (Strasbourg), representanto de la orienta federacio, legas la protokolon de la 24-a kongreso de tiu ĉi federacio, okazinta la 27-an de majo.

F-ino Boiton (Rhône-Alpes) legas proponon, kiu koncernas la ekzamenojn ;

La norda federacio aprobas tiun proponon ; ĝi estos transsendita al la Franca Esperanto-Instituto por pristudo.

S-ro Dettwiller proponas la jenan rezolucion :

**LA 57-a NACIA ESPERANTO-KONGRESO,**

**— AGNOSKAS, ke la jaro 1964 destingiĝis en nia historio per la apero de la unua originala parolfilmo en Esperanto ;**

**— KONSTATAS, ke en la sola Francujo, kie oni prezentadis ĝin kun la minimumaj reklamo kaj gazetinformado, ĝi konfirmis la esperojn de la iniciatinto, i.a. vekante la intereson de la oficiala nacia televizio, kaj de la plej granda franca muzeo, kiu enskribis ĝin en la programojn de sia kinfako ; ankaŭ instigante la ĵurnalojn francajn, ordinare tiel avarajn pri mencio de nia movado, al longaj kaj detalaj konsideroj de la Esperantaj atingitaĵoj ;**

**— GRATULAS la Estraron de U.E.A., ke ĝi donis sian aŭspicion al tiu filmo ;**

**— des pli multe MIRAS, ke en la jarlibro de 1965 la ĉapitro pri la « Specialaj Kulturaj Aktivaĵoj » entenas en siaj 22 paĝoj nenian alian mencion pri « ANGOROJ », ol tutpaĝan reklamon pagitan de la aŭtoro ;**

**— BEDAŬRAS, ke la L.K.K. de Tokio preteratentis la utilon, kiun prezentado de tiu filmo alportus al la disvatiĝo de Esperanto en tiu mondparto ;**

**— ESPERAS, ke la estraro de U.E.A. estontece instigos la naciajn asociojn fari en sia lando vastan uzadon de tiu nova, efika kaj nun elprovita rimedo de propagando.**

Tiu rezolucio estis unuanime akceptita.

Estis 17 h. 40, kian d-ro Albault, estrarano de U.E.A. pri kulturaj aferoj, raportis pri la laboro de U.E.A. ; li ĉefe substrekis, ke 1965 estas la jaro de la internacia kunlaborado kaj donis detalojn pri la peticio al U.N. : 70 organizaĵoj, reprezentantaj 6 milionojn de membroj, subskribis la peticion, kio estas bona rezultato ; sed ĝis nun, nur 120.000 individuaj subskriboj alvenis al U.E.A. kaj tio ĉi estas tute ne sufiĉa ; ĉiuj membroj estas petataj aktive kolektadi novajn subskribojn ĝis oktobro, dum kiu monato finiĝas la kampanjo. — (N.d.l.R. — De tiam la limdato de la kampajo estis prokastita ĝis januaro 1966).

La 18-a punkto temas pri raportoj de la fakoj ; S-ro Thierry raportas pri Franca Esperanto-Instituto, s-ro Demolliens pri la fervojistoj, s-ro Dabezies por la protestantoj. TEJO havis kun s-ro Simonnet tre brilan advokaton, kiu kun fervoro detale raport's pri la agado de JEFO dum la pasinta jaro : monata informilo, semajnfinaj renkontiĝoj, aktiva sekretariejo ĉe U.F.E. alportis konstantan kreskadon de la membraro. Li finis per alvoko al ĉiuj samideanoj por helpo per ĉiuj rimedoj.

La 19-a punkto de la tagordo pritraktis la estontan laborplanon de U.F.E.., kiun s-ro Llech-Walter detale prezentis al la kongresanoj.

La 20-a punkto antaŭvidis la elekton de la venontjara kongresurbo ; sed neniu urbo sin proponis par 1966, la estraro intencas kontakti Vichy. Por 1967, Calais estas kandidato.

Jam estis la 18 h. 10, kaj ni alvenis al la « Diversaĵoj ». — S-ro Mahé parolis pri la filmo « Angoroj » prezentita al la kongresanoj, li konsilas, ke oni kaptu ĉiujn okazojn por montri ĝin al la publiko.

D-ro Albault anoncos, ke la oratora konkurso ne okazos pro manko de oratoroj !

Kun la 23-a kaj lasta punkto de la tagordo la prezidanto de U.F.E. prononcis la finajn vortojn, dankante kaj gratulante la partoprenantojn por la bona kaj serioza laboro farita, kaj estis 18 h. 25, kiam li fermis la laborkunsidon de la 57-a nacia kongreso.

La protokolinto : J. CHAPELLIER.

∴

**Situation de trésorerie au 30-9-1964**

**ACTIF :**

| | |
|---|---|
| En caisse au 30-9-1964 | 4 736,23 |
| Prêt à M.C.E. | 2 500,00 |
| Divers à recevoir | 209,20 |
| Subvention à recevoir pour semaine culturelle | 1 800,00 |
| U.E.A. | 2 220,45 |
| | 11 465,88 |

**PASSIF :**

| | |
|---|---|
| Dû au 30-9-1964 suivant liste ci-dessous | 3 043,63 |
| Dépôts | 4 180,43 |
| Facture M.C.E. pour semaine culturelle | 2 891,80 |
| Bibliothèque (report de la partie du budget 1963 non dépensé dans l'exercice | 138,81 |
| | 10 254,67 |
| Solde | 1 211,21 |
| | 11 465,88 |

Au 30-9-1964 le stock des livres évalué au prix de revient s'élevait à la somme de : **Francs 11 582,02**

**Détail du Poste (1) du passif**

| | |
|---|---|
| U.K. Tokio (K/15) | 128,00 |
| U.F.E. (Coconnier) | 1 855,32 |
| U.E.A. (cotisations) | 173,60 |
| Fakoj | 10,00 |
| Grupoj | 40,00 |
| Federacioj | 13,00 |
| Kongreso en Hago | 64,51 |
| Libroservo | 759,20 |
| | 3 043,63 |

J.A. ROUSSEAU.

Prezidanto : S-ro Boyet (Sarreguemines).
Sekretario : S-ro Colnot (Nancy).
Kasisto : S-ro Chapellier (Nancy).
Membroj : S-ro Bergerot (Epinal), F-ino Colin (Lunéville), S-roj Cuéné (Strasbourg), Denis (Bar-le-Duc), Durand (Epinal), Fondrillon (Nancy), Heintz (Strasbourg), Kubler (Thann), Manceau (Creutzwald).

Laŭ nacia vidpunkto, la kongresanoj studis la situacion en Francujo, la riskon de krizo kaŭzitan de cirkulera kampanjo kaj la proponon de nova maniero voĉdoni individue.

Du rezolucioj rezumis la opiniojn de la Orient-franca Federacio kaj estis senditaj al U.F.E. por pristudo dum la nacia kongreso.

*STRASBOURG.* — La grupo regule kunvenas ĉiun merkredon.

— La 24-3 S-ino Oehri faris lumbildparoladon en Esp. pri Sud-Italujo. Ĉeestis ankaŭ neesperantistoj.

— La 28-4, S-ro Cuene faris propagandan prelegon pri Esperanto en religia klubo, dum kiu ĉeestis ĉ. 50 gejunuloj 14-20 jaraj.

## PROVENCA FEDERACIO

*MARSEJLO. — Ekzamena sesio de junio.* — Akiris la Ateston pri Lernado : Ataroff Jean-Pierre, Berne Anne-Marie, Cavelan Pierre, Curabec Alice, Férez Germaine, Ferré Blanche, Mistral Pierre, Montroig Marc, Osmond Jeannine, Osmond Lucien, Pislot Jean-Marc, Rolland Nicole, Séris Jacqueline, Séris Alain.

La stipendion por restado en la Kultur-Domo de Grésillon gajnis Curabec Alice kaj Pislot Jean-Marc.

Kiel kutime dum la dua trimestro, ĉiulunde la marsejlanoj babilis, diskutis, legis, kantis ; ĉiumerkrede ili gvidis tri kursojn ; plurajn dimanĉojn, ili piknikis ekster la urbo.

Aparte menciindaj estas la projekcio de filmoj pri la vivo de la nacia, federaciaj kongresoj kaj de la loka movado kaj speciale pri *« Vojaĝo de tri marsejlaninoj tra Bulgarujo »* ; komentitaj projekcioj *« Alzaco kaj Vogezoj en ĉiuj sezonoj »* kaj *« Tra Nederlando »* ; referatoj pri la unua volumo de la *« Historio de Esperanto »* de Courtinat ; kaj *« Vivo kaj opinioj de majstro M'Saud »* de Jean Rebillard ; prelego « De la botanika sistematiko (de Malmanche) ĝis la *« Bildvortaro »* de Rüdiger Eichholz kaj la neceso de utilaj neologismoj » ; vojaĝo en Gap okaze de la federacia kongreso ; vizito de la fama observatorio de malsupra Provenco apud Forcalquier kaj de la priorejo de Gannagobio ; finjaraj ekzamenoj.

Per *Franca-Esperantisto* la marsejla rondo sendas siajn admirajn, korajn kaj respektplenajn sentojn al sia sindonema kaj kuraĝa prezidanto kaj al lia edzino.

*ESPERANTO EN LERNEJO.* — Apud Toulon, en publika lernejo de LA FARLEDE, nia sindonema samideano Mathis gvidas duajare nedevigan kurson. El 24, 20 gelernantoj persistis. El ili 5 knabinoj kaj 3 knaboj feriis de la 11-a ĝis la 24a de Julio, sur monto Pilatus, en Kriens, apud Lucerno (Sviso), ĉe somerferiejo de la Naturamikoj (Ne Naturistoj !).

## RODAN-ALPA FEDERACIO

*LIONA ESPERANTO-SOCIETO.* — Post la ekzamenoj de la 23-a de majo estis akceptitaj por la *Atesto pri lernado :* Donald Houpe, Monique Hugon, Rĝmy Perraud, Danielle Vandroux ; por la *Atesto pri Supera Lernado :* Donald Houpe ; por la *Atesto pri Kapableco :* Laurent Ramialison.

*Post la prelego de s-ro Rougerie* malfermiĝis du elementaj kursoj, unu la lundon gviata de f-ino J. Perra kun 14 gelernantoj, la alia la merkredon gvidata de s-ro Donald Houpe kun 20 gelernantoj, en la Liceo Jean Perrin.

— *« Internacia Ferio-Semajno »* okazis en Romans (Drôme) de la 24-a ĝis la 31-a de julio, organizita de « Bona Stelo » en Romans.

— La Federacia Kongreso de 1966 okazos en *Neuville-s/-Saône.*

— La 16-an de majo okazis la Federacia Kongreso en Grenoble sub la prezidado de s-ro Dettwiller, en la ĉeesto de s-ro Massedes, *ĝenerala sekretario en la Prefektejo ;* s-ro Saury, *akademia inspektoro ;* kaj s-ro Vigreux, *ĝenerala inspektoro de la Nacia Edukado* (nova esperantisto en Valence) ; ĉeestis ankaŭ s-ro A. Bourdeaux, *reprezentanto de U.F.E.*

F-ino Clavier prezentis la jenan dezir-esprimon : « La Federacia Kongreso esprimas la deziron koncerne la ekzamenon *« Atesto pri Kapableco »*, ke oni konsentu, ke la ekzamenantaro konsistu el du posedantoj de *« Atesto pri Kapableco »* kaj unu posedanto de *« Pedagogia Atesto »*.

Kun s-ro A. Bourdeaux estis decidite, ke inter li kaj la federacio pere de s-ro Micoud, instruisto en St-Cyr-s/-Rhône par Ste-Colombe 69, kaj de la cirkulero de Lyon, estos starigita inform-servo por konigi rapide novaĵojn, kiuj povos interesi aŭ la societojn de la Federacio aŭ s-ron A. Bourdeaux. Aperis artikoloj en *« Le Progrès »* kaj *« Le Dauphiné Libéré »*.

## FEDERACIO TULUZ-PIRENEO

Ekde unu jaro, kaj en la kadro de la *Tuluza Esperanto Societo,* Doktoro Albault prelegas en diversaj tuluzaj medioj. Tiel okazis prelego ĉe *« Tourisme et Culture P. et T. »*, *« Association des jeunes de carrefour »*, *« Cercle laique du Général Bourbaki »*, *« Cité Universitaire »*.

Nun ni klopodas por organizi ankaŭ ekster Tuluzo similajn prelegojn. Jam tio okazis en *« Foyer Léo Lagrange »* de Colomiers (H.-G.), la 18-an de Novembro 1964, kaj en *« Foyer Léo Lagrange et Amicale laique »* de Labastide-Rouairoux (Tarn), la 17-an de Februaro 1965.

Entute proksimume ducent kvindek personoj ĉeestis tiujn prelegojn. T. CRISTOFOL.

*LABASTIDE-ROUAIROUX (Tarn).* — La 17an de Februaro okazis en Labastide-Rouairoux la unua prelego pri Esperanto. Nia urbeto havas preskaŭ kvarmil loĝantojn ; 60-70 personoj ĉeestis nian kunvenon.

Doktoro Albault parolis pri la lingvoj en la mondo kaj pri la lukto nun okazanta inter ili. La multiĝantaj gravaj lingvoj unuflanke, la ĉiam pli urĝa bezono lerni sciencojn aliflanke faras, ke devos esti elektita radikala solvo : unu lingvo por la tuta homaro. Kaj tiam la preleganto pentris vivan bildon de la hodiaŭa stato de Esperanto, juna kulturlingvo ; kaj, deirante de konkretaj ekzemploj, montris interalie ĝian uzon en literaturo kaj sciencoj. Kompletigis la prelegon mem rapida prezento de la diapozitivoj de Sinjoro Lentaigne, kiuj tre interesis.

Poste la ĉeestantaro levis multajn demandojn : tio, same kiel la subskriboj kolektitaj por U.N. peticio, ebligas konstati, ke tiu prelego multe interesis la ĉeestantojn.

Bona rezulto, sekve de kiu ni instigas ĉiujn samideanojn de nia regiono helpi Doktoron Albault, kaj Sinjoron Cristofol, por organizi prelegojn en diversaj urbetoj.

Sinjorino CALAS, el Labastide-Rouairoux.

# FRANCA ESPERANTO-INSTITUTO

## NIA VORTTREZORO

7. — PLENA

*S-ro J.-L. B. metas diversajn demandojn pri la uzo de kunmetoj kun la radiko « plena ».*

A. — La Plena Vortaro instruas nin, ke *plena* havas tri signifojn : a) « enhavanta la tutan enhaveblan kvanton » : *glaso plena je (aŭ de) vino.* b) « enhavanta grandan kvanton » : *la haveno estas plena de ŝipoj.* c) « kompleta ; al kiu mankas nenia necesa parto aŭ eco » : *plena vortaro.*

B. Forme *plen-* povas esti aŭ unua aŭ lasta elemento de kunmeto : *plennoto,* plenaĝa, manpleno, larmplena. Esence ĝi povas eniri kunmeton, laŭ la kutimaj reguloj : *amplena* = plena de amo ; laŭ specialaj, sed bone konataj, reguloj : *plenforma* = kiu estas en plena formo ; aŭ male ĝi povas funkcii kiel prefikso kaj tiam estas allasebla pro la tradicio : plenluno, plenmano. Cetere ĝia ofta uzo en tute regulaj formaĵoj, kiel : *sentplena, sakpleno* igas ĝin senti kiel sufikson.

Formo, reguleco, signifo formas kompleksan tuton, kiun oni pli bone supervidos konsiderante laŭ la efektiva signifo jenajn kvar kazojn :

1). — *Plena signifas : kompleta, senmanka* en specialaj sed regulaj kunmetoj kiel : plenaĝa, plenforma, plenrajta, analizeblaj kiel ekz-e : *plenaĝ-a = (plena aĝo)-a kiu estas en plena (kompleta, senmanka) aĝo.* Aŭ ankaŭ kiel : *plenakir,i plenblovi* (= plene akiri, plene blovi).

Tiuj kunmetoj prezentas nenion apartan kaj plene similas al la klasikaj ekzemploj de kunmeto : *bluokula, grandanima.*

2). — *Plena signifas « enhavanta grandan kvanton de »* en plene regulaj vortoj kiel : *am(o)plena, sent(o)-plena, larm(o)pleno.* Tiuj kunmetoj prezentas plurajn apartaĵojn. Akcesore estas, ke oni trovas ilin aŭ kun aŭ sen la ligvokalo *o : sentplena aŭ sentoplena.* Pli interese estas, ke sinonimoj ekzistas, kiuj estas formeblaj per diversaj radikoj : *or(o)plena, or(o)riĉa, or(o)dona* (kun o praktike deviga !), *or(o)hava, or(o)porta...* Ne uzata ĝis nun sed atentinda estus la radiko *abund-,* ja dusilaba, sed ne bezonanta ligvokalon : *foliabunda, florabunda, vortabunda...*

Aliparte *plena* en tiu ofta uzo sentiĝas kvazaŭ sufikso : oni eĉ provis dum periodo la uzon de la sufikso *-oza.* Sed tio ne ĝeneraliĝis kaj nun ĝi estas eksmoda. Motivon al tiu forlaso oni verŝajne serĉu en la fakto, ke estas uzata alia sufikso *-ozo,* tute malsama kaj kun jam tri signifoj (kemiaj kaj medicina) ; plie estas dubinde ĉu nova formo (ekz-e. : *-eza, -eŭza* aŭ *-osa)* havus sukceson, i.a. pro tio, ke ĝia uzo estus nete malpli vasta ol en la okcidentaj lingvoj, de kiuj ĝi devenas : tute senutila post adjektivoj (*kuraĝa* apud *courageux*) ĝi utilus nur post substantivaj radikoj ; ĝuste same kiel la nuna *-plena !*

3). — *Plen- estas uzata kiel prefikso por formi kelkajn substantivojn, kiuj elvokas nuancon de kompleteco, de plenvaloreco :* verŝajne ne ekzistas pli ol deko da tiaj vortoj : *plennoto, plenluno, plenmaro, plenpovo...*

*Plenmaro* signifas, ke la nocio *maro* estas plenvalora, nedividenda kun aliaj nocioj, kiel kontinento, insulo aŭ malprofundaĵoj. La pleneco de l' *luno* estas trovebla nur ĉe unu fazo de l' vespera astro : la *plenluno,* ktp... *Plen-* en ĉiuj ĉi vortoj proksimume egalas al la esprimo *en sia pleneco.*

Nur unu rimarko : tiuj kunmetaĵoj povas kolizii kun la unua formo de la kvara (sekva) paragrafo, en vortoj kiel *plentago,* kiu ne signifas *(ĝis nun !)* tago *en sia pleneco,* sed por kiu oni vastigis la nocion de kvanto al tiu de daŭro (tempokvanto).

4). — *La radiko plen- estas uzata kun la signifo de « proksimuma kvanto », aŭ de « kvanto enhavata aŭ entenata en difinita objekto ».* Oni uzas ĝin en du serioj de malsamformaj sed samsignifaj vortoj : aŭ kiel prefikso (neregula kunmeto !) : *plenbuŝo,* aŭ kiel vorta ĉefelemento (do tute regule !) : *buŝpleno.* Estas formeblaj multaj tiaj vortoj : plenĉaro, plenmano,... manpleno, sakpleno, botelpleno,... Pro reguleco la formoj kiel *telerpleno* ŝajnas preferindaj. En ili *-pleno* pro granda uzateco sentiĝas kiel sufikso.

Tamen ekzistas malavantaĝo pro ekzisto de la du uzoj : *glasplena ŝranko, glasopleno da vino.* La adjektivo neniel rilatas kun la substantivo ; ĝi eĉ elvokas tute alian ideon :

Tiu fakto kaj ankaŭ la pezeco de tiel multaj kunmetoj kun *plen,* kaj de kunmetoj kun tiel diversaj sencoj, sentigas la bezonon de afikso por tiu kvara uzo. Persone, mi opinias, ke ne utilas enkonduki novan elementon kaj ke sufiĉus uzi la prepozicion *en* kvazaŭsufikse ; ĝi donus tre kontentigan solvon : *kulereno (da supo)* estas *la eno de kulero; la eno* laŭ la plej ĝeneralaj reguloj de la vortteorio ja signifas : *tio, kio estas en,* do la enhavaĵo, la entenaĵo ; do *kulereno* estas tio, kion entenas kulero, alivorte *kulerpleno.* Ni tiel ricevus raciajn kaj malpezajn vortojn, kiuj plie sone memorigus la ĝisnunajn !

Sed mi ĉesigas mian skribaĵon : sufiĉas kun tiu paĝeno, kun tiu paĝopleno, des pli ke ni bone memoru, ke vivanta lingvo ne nepre obeas racion, sed preferas tradicion !

A. ALBAULT.

P.S. — Por ricevi respondon en tiu rubriko, skribu al D-ro Albault rekte aŭ tra la redakcio.

## KOMPARA TABELO PRI LERNOLIBROJ

| Prezent-formo | Titolo | Aŭtoro | Radik-nombro | Lecion-nombro |
|---|---|---|---|---|
| broŝurita | Premier Manuel | C. Bourlet | 580 | 8 |
| bindita ° | Initiation à l'Espéranto | P. Denoël | 639 | 10 |
| broŝurita ° | Junul-kurso (rekta metodo) | S.A.T. | 649 | 20 |
| bindita | L'Espéranto Vivant | P. Delaire | 679 | 12 |
| broŝurita | L'Espéranto - Manuel d'Etudes | J. Couteaux | 765 | 18 |
| broŝurita | L'Espéranto en 10 leçons (elĉerpita) | Th. Cart | 850 | 10 |
| flugfolia (pres.) | Cours d'Espéranto | H. Ferez | 990 | 20 |
| broŝurita | L'Espéranto facile (1/2 rekta) elĉerp. | F. Gaume | 1060 | 10 |
| broŝurita | Ni parolu en Esperanto | A. Ribot | 1354 | 12 |
| broŝurita | Espéranto-Manuel | A. Warnier | 1610 | 15 |
| broŝurita ° | Privilegia Vojo (rekta metodo) | V. Setala | 1552 | 53 |

° Signas lernolibrojn instruantajn pere de rakonto, kiu daŭras de leciono al leciono.

STUDO DE J. MANCEAU.

**MALLONGE**

★ La aŭtoro Jean Charles favore mencias esperanton en siaj libroj **HARDI LES CANCRES !** (p. 112/113) kaj **L'ECOLE DES MALINS.**

★ **L'ELAN POETIQUE ET LITTERAIRE** — Linselles (Nord) — sendas senpagan specimenon laŭ peto. La eldonanto — Louis LIPPENS — dediĉas en ĉiu numero duon-paĝon pri esperanto.

# RECENZOJ



## REELDONO DE LA FABELOJ DE ANDERSEN

Se mi devus absolute elekti inter la **Fabeloj** de Andersen kaj la **Libro de Amo** por doni legaĵon al miaj infanoj, mi certe ne elektus la **Fabelojn** (1). Kiom da monstraj estaĵoj, da nigraj sorĉaĵoj, da krimaj faroj ! Kia malsanema allogo al la Morto ! Kia suspektinda miksaĵo de kristanismo kaj paganismo, ambaŭ same mallumaj !

Foje-foje tamen, el tiu malhela marĉo elstaras oazoj de poezio, de bonhumoro, eĉ de humuro. Krom la konataj **Virineto de Maro, Reĝidino sur pizo, Persista stana soldato** k.a., la volumo I-a de la **Fabeloj** de Andersen, ĵus reeldonita de **Heroldo** (post la IV-a volumo), enhavas tiun juvelon de fabela satiro : **La novaj vestoj de la Reĝo,** la fantaziplenan fabelon pri **Galoŝoj de Feliĉo** kaj la pli realismajn, sed impresoplenajn lastajn rakontojn : **Kupra porko** kaj **Ligo de Amikeco.** Prosperas al la aŭtoro, kiam li forlasas la nordan ĉielon por ĝui la sunradiojn de Italujo aŭ Grekujo.

Ĉu mi bezonas aldoni, ke la **Fabeloj** estas unu el la modeloj de la Zamenhofa stilo, kaj tial devas havi sian lokon en via libroŝranko ? La malvirtuloj povas eĉ ĉerpi el ĝi argumentojn por certaj prilingvaj diskutoj. La jena reeldono estas krome bele presita kun multaj talentaj ilustraĵoj.

Michel DUC GONINAZ.

---

(1) **H.C. Andersen : Fabeloj. Unua volumo. Tradukis L.-L. Zamenhof. Dua eldono. 53 originalaj ilustraĵoj de A. Uniechowski. Bruselo, Heroldo de Esperanto, 1965. Eldonkvanto : 2.000 ekz. — Prezo : 15 F.**

## K-TO PETER CLISSOLD — « MARISTA TERMINARO »

En la itala revuo « **Rivista Italiana di Esperanto** » s-ro Pierluigi Marelli publikigas italan tradukon de la « **Marista Terminaro** » de k-to Peter Clissold.

Tiu laboro tre utile kompletigas la verkon de k-to P. Clissold, kiu entenas nur tradukojn el Esperanto en angla, franca, germana kaj hispana lingvoj. Tiu lasta terminaro estis eldonita de U.E.A. jam en 1950, sed la apero de itala traduko estas okazo diri ĝiajn grandajn meritojn.

Por maristoj kaj ŝipkonstruistoj de la tuta mondo la plej konata teknika vortaro estas la klasika « **From keel to truck** » (de kilo al masta butono) de kapitano Paasch, verkita en kvin lingvoj : angla, franca, germana, hispana kaj itala. Venos tago, ni esperas, kiam tiu impona verko reaperos ankaŭ kun esperantaj traduko kaj difinoj, sed ĝis nun en nia lingvo la unua laboro pri tiu fako estis la « **Provo de marista terminaro** » eldonita en 1908, kies aŭtoro estis la ĉiam memorata franca inĝeniero-hidrografo Rollet de l'Isle.

K-to Peter Clissold diras mem en sia antaŭparolo, kiom li ŝuldas al la du supre cititaj verkoj, sed liaj meritoj estas tamen tre grandaj, ĉar li samtempe plisimpligis kaj pliklarigis la verkon de sia antaŭulo — li ankaŭ utile kompletigis ĝin pri diversaj punktoj, notinde pri militŝipoj kaj maristaj rangoj.

Ĉu mi diru tamen, ke almenaŭ laŭ mia opinio tiu marista terminaro ne tutplene taŭgas por modernaj ŝipoj kaj nuntempa maristaro. Granda parto el ĝi ankoraŭ traktas pri velŝipoj el pasintaj jarcentoj. Tio estas multe interesa laŭ historia kaj literatura vidpunktoj, sed malpli laŭ teknika.

Konklude mi pensas, ke la terminaro de k-to Clissold estas bonega verko, kiu grande honoras sian aŭtoron, sed kompletigo pri modernaj ŝipoj kaj maristoj estus ŝatinda kaj dezirinda.

E. CHICOT.

## ANSTATAU RECENZO

**Nadja** — Libro de Amo? Ĉu tio estis cia dumferia legaĵo? (1)
**Jan** — Kiel ci povas konstati.
**Nadja** — Nu, refoje renkontiĝis niaj ideoj.
**Jan** — Kaj gustoj.
**Nadja** — Ĉu plene? Mi ja kun plezuro relegis la **Sekretajn Sonetojn** de Peter Peneter. Tiu verko estas kaj himno al la Amo kaj ĉefverko de nia esperantlingva poezio. Tion ĝenerale prisilentas niaj lernolibroj, kaj kiam, en la gimnazio, nia instruisto parolis al ni pri la esperanta poezio, mi ekkriis : « Kaj la **Sonetoj** de Peneter? — Mi ne scias, pri kio vi parolas, li respondis. — Nu, mi diris, vi devus tion scii. Peter Peneter ja naskiĝis en 1891, kiel multaj el niaj grandaj poetoj : Adamson, Baghy, Deŝkin, Hohlov kaj... Kalocsay. Lia verko aperis en 1932, jaro de la **Parnasa Gvidlibro** kaj de la **Romaj Elegioj...** »
**Jan** — Bone !
**Nadja** — Nur kelkaj lokoj estas malplaĉaj, kiam la aŭtoro devojiĝas de erotikologio kaj randiĝas al skatologio.
**Jan** — Li ja volis montri **ĉion.** Sed mi komprenas cian reagon.
**Nadja** — Koncerne la ceteron, mi estas malpli entuziasma. La jam konata **Travestiita Muzo** de Georgo Peterido Peneter estas ja lerta pastiĉo de la bonaj tradukoj de la **Trofeoj** de Hérédia el la plumo de Kalocsay kaj Waringhien, sed ankaŭ malvarma pornografio
**Jan** — Ankaŭ tiun ĉi reagon mi komprenas. Ĉi bedaŭras la varman lirikismon kaj sincerecon de la **Sonetoj.** Sed, laŭ mi, la verkoj de Georgo Peterido signas pluan ŝtupon en poezia rafiniteco. Tion prave asertas la antaŭparolanto Arieh ben Guni. La ĝis nun ne konataj verkoj de Peterido : **Senmaske, Sekreta Antologio kaj Oaristoj** aldoniĝas al la jam klasikaj **Sekretaj Sonetoj** kaj **Travestiita Muzo.** Ĉu ni ne ĝuis tiujn « galantajn gravurojn », en kiuj la aŭtoro liveris seplingvajn versaĵojn kun la esperantaj tradukoj?
**Nadja** — Lerneja tasko, se mi juĝas laŭ la franca aŭ germana tekstoj. Mi preferas la « Kongresajn plezurojn », en kiuj nia Don Juano tiel imprese raportas pri siaj dumkongresaj konkeraĵoj. Mi imagis min la naĝanta Gwen aŭ la « bela, neribela Anabela ». Sed eble mi preferus esti Bettina, la lasta muzo.
**Jan** — Ĝuste tiu donjuanismo estas la diferenco inter Peter Peneter kaj lia « filo ».
**Nadja** — Sed ŝajnas, ke ĉe Georgo regas ĉefe la intelekto.
**Jan** — Certe. Kaj la literatura erudicio, akirita dum la tradukado de la **Sekreta Antologio,** bedaŭrinde fragmenta. Perfektaj estas la tradukoj el Ronsard, Henri de Régnier kaj Pierre Louys, el kio oni povas supozi la fidelecon ankaŭ el aliaj lingvoj.
**Nadja** — Nu, mi devas diri, ke ĝis nun nek mia bulgara nek nia esperanta tradukoj de la Biblio (pardonu min Zamenhof !) donis tiel belan tekston de la Alta Kanto de Salomono.
**Jan** — Sed ankaŭ estas la pure esperantaj influoj. Mi ofte pensis pri Maŭra, legante ekzemple la « tristrekajn miniaturojn ».
**Nadja** — Kaj tiu bela Gwen...
**Jan** — Ĉi ĵaluzas ŝin, ĉu?
**Nadja** — Eble iomete. Tiu « noktomeza amazono » en «harflirtiga lumbofleksa rajdo » memorigis min pri iu simila bildo ĉe Maŭra.
**Jan** — Ci ĵus parolis pri « noktomeza amazono ». Nu, nia poeto ofte kultas tiajn aliteraciojn.
**Nadja** — Sur iu paĝangulo mi kredis renkonti Verlenon :

> **« Kaj ĉiuj eĉ trezoroj**
> **Gardataj de la tero**
> **Ondino ! ne valoras**
> **de via konk' la perlon. »**

**Jan** — Ha, jes ! « **Dans la Grotte** » : « **Chaque coquillage incrusté...** » Ankaŭ Mallarmé uzis tiun bildon. Sed se ni komencas senmaskigi la fontojn de la aŭtoro...
**Nadja** — Ni bezonos longan tempon. Tio cetere ne bagateligas lian talenton.
**Jan** — Male.
**Nadja** — Sed, kvankam mi agnoskas la forman perfektecon, mi ne povis legi sen ia naŭzeto la « Oaristojn ».
**Jan** — Pripensu, ke ĉio tio estas ĉefe intelekta ludo.
**Nadja** — Sed el morala vidpunkto...
**Jan** — Ĉu ci konfesas pudoron?
**Nadja** — Eble.
**Jan** — Hej, Nadja, mi cin ne rekonas plu. Kie estas mia iama gimnazianino, kun « **kalsono brodita kun border' de alenson'** », kiu « **por festi finon de la klassezono...** ».
**Nadja** — Silentu, bubaĉo ! Se oni nin aŭdus !
**Jan** — Kiel do?
**Nadja** — Mi ne scias... Ekzemple mikrofono kaŝita en ĉi tiu ĉambro...
**Jan** — Kia stranga ideo !
**Nadja** — Kiu scias? Ekzistas nun tiaj fimoroj en Esperantujo !

La konversacion registris (sekrete) Henri COCHET.

(1) N.d.l.R. : LIBRO DE AMO. Verkoj de Peter Peneter kaj Georgo Peterido Peneter. Antaŭparolo de Arieh Ben Guni. Je la ŝildanonco de l'Akacio, Byblos, MCMLXIX (tiel !) — 262 p. Prezo :

**Emilo GASSE : Raciaj derivo kaj verbuzo. Eldono de la aŭtoro, 1964 - 8 p. - Prezo : 2,20 steloj.**

Ĉiuj konas la gurditan komparon inter Corneille kaj Racine. Nu, inter la esperantistoj, kiuj pritraktas la lingvon, estas same : iuj ĝin priskribas tia, kia ĝis estas, la aliaj tia, kia ĝi devus esti (laŭ ilia propra opinio !). Emilo Gasse apartenas al la dua kategorio. Tamen, tiuj, kiuj neniam ekkonsciis la labirintecon de nia « logika » derivado, tiuj, kiuj neniam hezitis, ĉu « emerito » aŭ « emeritulo », ĉu « korekti » aŭ « korektigi », ĉu « bremso » aŭ « bremsilo », nur tiuj ĵetos al E. Gasse la unuan ŝtonon.

Se *brosuzo* ŝajnas al iuj pli logika ol *brosado*, ili uzu ĝin ; kial ne? Sed mi dubas, ĉu la sufikso *-iz* (en *kronizo, vestizo...* proponitaj de la aŭtoro) ŝajnos necesa ekster la teknika lingvo (en kiu *elektrizi* jam hejmiĝis kaj *lumizi* ŝajnas akceptebla). Sed la aŭtoro ŝajne ne komprenas la diferencon inter substantivigita adjektivo kaj ec-vorto, ĉar li nomas « pleonasmo » vortojn, kiel *avareco, boneco* k.s. Aliedirite li ne komprenas la diferencon inter la Belo kaj la beleco. Krom la « pleonasmoj » *beleco, honesteco* (§ 11 de la Fundamento), Zamenhof kulpis ankaŭ eraron, skribinte : « Sidiĝu, mi petas », kaj ni ĉiuj kulpas eraron, kiam ni uzas tiun frazon, ĉar E. Gasse verdiktis, ke « netransagaj radikoj ne povas ricevi la pasivajn formojn ».

Pli miriga eĉ aperas la « gramatika ĝustigo pri radikoj de la naŭlingva etimologia leksikono de Bastien ». Eldirinte la postulaton, ke « *substantiva* radiko estas la plej *substanca* el la sep parolpartoj » (eĉ kiam temas pri aga nocio?), la aŭtoro transformas la verbajn radikojn en substantivajn, donante al certaj el ili ne sencon de ago, sed laŭ lia plaĉo (aŭ laŭ « internacia » kriterio), de ulo aŭ de ilo. En tiu nova lingvaĵo *masono* egalas al la esperantlingva *masonisto, hako* al *hakilo,* ktp. La aŭtoro asertas, ke « multaj el tiuj ĝustigoj jam troviĝas en la *Grand Dictionnaire E.-F.* de Waringhien. Fakte, el la 160 radikoj « ĝustigitaj » de E. Gasse, 11 troviĝas ĉe Waringhien en kontraŭdiro al la Universala Vortaro aŭ Plena Vortaro, aŭ al ambaŭ, 3 koincidas au kun UV aŭ kun P.V. kaj G.D.W. kaj do ne prezentas novajn ĝustigojn kaj unu *(ŝraŭbo)* ĉe Bastien kon-

traŭdiras samtempe UV, PV kaj G.D.W. (Bastien indikas *ŝraŭbi)*. La cetero estas elpensaĵoj de la aŭtoro.

Uzi *plugo* anstataŭ *plugilo* aŭ *interpreto* anstataŭ *interpretisto* kaŭzus ĥaoson pli grandan, ol la ekzistanta. Sed la proponoj de E. Gasse montras, ke tiu ĥaoso ekzistas. Grave estas, ke ĝi trovas sian fonton en la Fundamento. Kiam Zamenhof uzas *verko* aŭ *kolekto* kiel aĵ-vortojn, li obeas la principon de klareco kaj sufiĉo (same pri multaj tiaj vortoj, kiel *anonco, ĝeno, minaco,* ktp.). Sed kiam li senpere derivas *guto* de *guti* aŭ *floro* de *flori* (U.V.), li deflankiĝas de tiu principo. Se *ŝvit'* aŭ *urin'* estas verbaj, kio do estas *ŝvito* kaj *urino?* Ĉu Peter Peneter ne pravas, uzante tiun lastan vorton kiel agsubstantivon? Kaj se la Plena Vortaro kaj Waringhien jam korektis certajn radikojn, kial ne korekti aliajn? Se estas vere, ke parto de la proponoj de E. Gasse prezentus rompon en nia lingva tradicio, estas vere ankaŭ, ke la senpera verbigo de substantivo (laŭ la modeloj broso/brosi, ŝraŭbo/ŝraŭbi, rolo/roli, sango/sangi) estas pli facila ol la derivado el verba radiko : kio estas *vesto,* se derivita de *vesti ?*

Oni kutimas diri, ke la uzado decidos. Sed kiam la uzado ankoraŭ hezitas, ne estus malbone, se la Akademio kaj la vortaristoj helpus ordigi la ĥaoson. Anstataŭ listigi arbitre vortojn, por kiuj problemoj ne ekzistas, estus bone pristudi atente la dubajn kazojn.

La landnomoj estas ankaŭ dorna problemo, kiun niaj prapranepoj espereble solvos per la malaperigo de la ŝtatoj. Dume, mi ne opinias prudenta propono ekuzi *Norvego* anstataŭ *Norvegujo !*

Ĉar la participoj estas ankaŭ aktuala problemo, kiun ĉiuj nepre deziras tuŝi, E. Gasse pritraktas ĝin en dek linioj plus unu tabelo. Sed sur la dua linio oni povas legi, ke « la ŝuldo estis pagita hodiaŭ » egalas al « estis pagita jam de hieraŭ ». Mi ne ŝatus pritrakti financajn aferojn kun tiaj debitoroj, kaj mi konsilas al la kasistoj de niaj asocioj pli korektan uzadon de la participoj.

Michel DUC GONINAZ.

●

**COMMUNIQUÉ**

L'Union Nationale des Malades, dont le siège national est à Lyon, est présidée par un espérantiste qui demande à tous les médecins, pharmaciens, chirurgiens-dentistes, infirmiers, infirmières, et à toutes les personnes qui travaillent pour la santé, de soutenir son action en devenant membre de soutien de l'U.N.M. Cotisation 10 F. par an (ou plus si vous le désirez !). Les espérantistes atteints dans leur santé (ou ayant été malades pendant plus de trois mois) peuvent cotiser comme membres actifs, cotisation 5 F. seulement.

Les samideanoj qui le peuvent sont invités à nous envoyer leurs timbres oblitérés (même ceux de France les plus communs) sur fragments d'enveloppe découpés à quelques millimètres du timbre), en échantillon (se renseigner au bureau de poste pour les conditions d'affranchissement).

Les malades, hospitalisés ou non, qui en font la demande, recevront un lot de timbres oblitérés, à condition de joindre à leur demande une enveloppe timbrée à 0,30 F. portant leur adresse complète, même s'ils ne sont pas adhérents de l'U.N.M.

Adresser toute correspondance à : U.N M., Boîte Postale 97, 69 - Lyon-Terreaux.

**PREMIER CONTACT**

Un premier contact avec l'espéranto, voilà ce qu'attendent beaucoup de personnes pour s'intéresser à notre langue, l'apprendre et s'en servir; mais malgré nos efforts, le pourcentage de ceux qui n'ont aucune idée de ce qu'est l'espéranto reste encore considérable.

Aussi, à l'intention de cette masse énorme, nous avons préparé un COURS D'INITIATION à l'ESPERANTO en trois leçons où est présenté l'essentiel de la grammaire et du vocabulaire. Chacune de ces 3 leçons se termine par une lettre à traduire en français.

Ce cours est mis GRATUITEMENT à la disposition de tous ceux qui pourront le faire insérer dans un journal, une revue, un bulletin d'association, etc. Les clichés qui le composent se présentent sous deux formes :

a) **Clichés plastiques** pour les publications qui sont imprimées A PLAT;

b) **Flans de carton amianté** pour les publications qui sont imprimées sur rotatives.

Profitez de cette occasion pour présenter l'espéranto aux lecteurs des diverses publications qui paraissent dans votre région.

Ces clichés ont les dimensions suivantes : 8 x 10, 15 x 16, 15 x 14 et 15 x 17. En nous les demandant, prière d'indiquer si vous désirez les clichés plastiques ou les flans en carton (après entente avec la rédaction ou l'imprimerie de la publication intéressée).

Editions Françaises d'Espéranto,
11, rue P.-Vergne, Marmande.

●

**HOMO KAJ KOSMO**

Popolscienca revuo, aperas 4-foje en la jaro ; redaktita de **Observatorio Astronomia el Zagreb.** Tre interesaj artikoloj, facile legeblaj por ĉiuj eĉ komencantoj. Peranto por Francujo : P. Jayer « La Vigie », Aubenas 07. Abonprezo por unu jaro : 5 Frj. Poŝtkonto : 956-85 Lyon.

La Esperanto-Grupo ĉe la Observatorio bezonas la esperantan libron de Aisberg **« Fine mi komprenas la radion ».** Al la amiko, kiu bonvolos sendi ĉi tiun (cetere por nia laboro tre bezonan) libron la grupo estas preta kompense tuj sendi esperanto-eldonaĵojn (**« Tragedio en la Universo », « Feliĉigaj ferioj », « Totala suneklipso »**, kompleton de **« Homo kaj Kosmo »** — laŭdezire).

●

**ONI NE TROVIS ABSOLUTAN LIMON** de la homa komprenkapablo. Tial ni povas kalkuli, ke estas eble malkovri la bazajn strukturojn de la vivo. Petu senpagan ilustritan faldprospekton ĉe Martinus Instituto, Mariendalsvej 94-96, Kopenhago F., Danlando.

●

Nuntempaj grandaj poŝtmarkoj pri francaj artaĵoj estas grandkvante dezirataj kontraŭ belaj hindaj poŝtmarkoj.

Sendu baldaŭ al **Esperanta Filatela Servo, P.B. 604, New-Delhi - I (Hindujo).**

●

**NI GRATULAS**

Geedziĝis la 5-an de julio en Villeurbanne s-ro Michel Turin kaj f-ino Claudine Patoz ; la 23-an de junio en Montpellier s-ro Jean-Marie Lecroisey kaj f-ino Elvire Peyolar.

Naskiĝis en Massy, la 24-an de majo, s-ro Bruno Royer, filo de ges-roj Pierre Royer.

***NE FORGESU SUBSKRIBIGI LA PROPONON AL UNO***

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

Nous pouvons fournir tous les livres indiqués dans l'annuaire U.E.A.

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,50 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 8,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés | 4,80 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 16,00 |
| Espéranto Vivant (P. Delaire) | 18,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 14,00 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 4,75 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaŭ) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Manuel de Perfectionnement (Couteaux) | 3,60 |
| Lingvaj Respondoj (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanta Proverbaro (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanto, facila por vi (Walter) | 5,70 |
| La Fundamento, broŝurita, p. de A. Albault | 13,50 |
| Ne kiel Meier ! (R. Schwartz) | 2,00 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Esperanto-Français (Waringhien). | 33,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 5,40 |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 20,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 3,30 |

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado (Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 28,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 20,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 9,50 |
| D-ro Zamenhof (M. Boulton), bindita | 19,00 |

### LITERATURO

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 3,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) 7,50 ; bindita | 12,00 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 6,00 |
| La Goja Podio (R. Schwartz) | 6,00 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,40 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 16,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Naĵivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| La Dia Komedio (luksa eldono) | 60,00 |
| Edelvejso kaj la tri vagabondinoj | 4,00 |
| Fabloj de Andersen | 15,00 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 9,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Naŭzo (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 20,00 |
| Sen Eliro (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 8,00 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 5,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| Kiel akvo de l'rivero (Schwartz), bind. 19, br. | 15,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |
| Quo Vadis (trad. Lydia Zamenhof) | 14,00 |
| Koloroj (J. Baghy) | 4,50 |
| La Marvirineto, bindita | 10,50 |
| Bildlibro pri Bestoj, bindita | 11,50 |
| La Eta Princo, broŝurita — Trad. P. Delaire | 14,50 |

### FILOZOFIO & RELIGIO

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (J. Rostand-Berlot) | 3,00 |
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 3,00 |
| Sankta Biblio, bindita | 12,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

### GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| De Parizo al Pirenea Montaro | 1,80 |
| La Bela Subtera Mondo (Leander Tell) | 10,00 |

### ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

| | |
|---|---|
| Retoriko (Lapenna), bindita | 16,50 |
| Atakoj kontraŭ Gardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7,50 |
| Amuzo per Scienco (Vivian), bind. | 6,00 |

### GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Cours d'Esperanto (Ribot) : 6 disques et 7 livrets | 84,00 |
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 11,50 |
| Melodioj (La Espero, Ceriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉ), ĉiu | 10,00 |

| | |
|---|---|
| **Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10)** | 10,00 |

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris X^e^. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie Coconnier.

Le Gérant : J. Guillaume.